


ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„

TEKSTO

# EMILIO G. LINERA

Li estas unu el malmultaj hispanoj posesedantaj la grandan volon, la nelacigeblan persistadon karakterizantan la usonanojn, kaj tial nomata *usona energio*. Dun lia infaneco li studadis malmulte da tempo en la Seminario de Salamanca kies tiama episkopo estis parenco lia; sed lia karaktero estis kontraŭa je la seminaria disciplino kaj post iuj ribeloj li forlasis la seminarion kaj sin prezentis en presejon sin proponante por eklerni la metion. Oni akceptis lin kaj tre lerta kaj laborema, entuziasma de tiu arto elektita de li, kaj kiel li diras «bela arto», rapide progresis kaj baldaŭ sin montris eĉ genia pri sia amata «bela arto».

De la komenco lia plej ŝatata distraĵo estis laboradi entuziasme sindoneme eĉ sinofereme pri ĉia homama, fratiga kaj progresema kulturcelado, pri ĉio celanta perfektigon kaj plibonigon de la homaro. Neniu profesioplej taŭga por liaj emoj kaj jen kial li estas fanatika mistikulo de la presarto.

Tre juna, pro siaj laboremo, honoreco kaj eksterordinaraj kapabloj, li starigis gravan laborejon, kiu estis paradizo per lia mastrumado, paradizo promesanta feliĉojn por li kaj liaj laboristoj. Iam, reprezentanto de firmo pri presmaŝinoj, rimarkante la gravegan movadon de la presejo, kiu lasis al la simpatia mastro malmulte da tempo libera por fari la kalkulojn kaj ceterajn okupojn de la oficejo, konsilis lin akcepti societanon por plej bone disvolvi la negocon, kaj rekomendis al li honorindan personon. Tial ke la firmo kaj la reprezentanto estis fidindaj por Linera, ĉi tiu akceptis. De tiu ĉi momento la movado de la presejo, al kiu sin dediĉis plenenergie la fondinto, graviĝis pli kaj pli, kaj fidema je sia kunsocietano Linera neniam atentis pri laboroj de la oficejo. La librotenisto sin vidante kvazaŭ absoluta decidanto pro la memfido al li, ektrouzis, plene diboĉis kaj perfidis sian sindoneman kunulon, kaj tagon, en plena bankroto, Linera estis devigata forlasi sian laborejon amatan dirante: «ĉi tie nenio estas mia, vidu ke mi eliras el ĉi tiu laborejo, starigita sur mia ŝvito, preskaŭ nuda.» Li estis devigata tion fari kaj tamen oni procesis lin, kaj post kelkaj jaroj senkulpigis lin la juĝistoj.

La okazintaĵo ne malkuraĝigis lin, male, lia forta volo venkis, kaj li ekpenadis restarigi sian sendependon per la primitiva manpresmaŝineto, kiun li konservis hejme ameme kvazaŭ sanktaĵo kun la unua ujo da presliteroj.

«Iom post iom» li konstante ekkriadis kaj post kelkaj jaroj li restarigis ~~humilan~~ presejon en la *Pasaje del Comercio, 8* (antaŭa eldonejo de tiu ĉi gazeto). Liaj laboraĵoj ĉiam estis laŭdataj kaj neniu volis kredi, ke li en tiu humila presejo, per tiuj presiloj estis kapabla fari ilin. Iam sviso, magazenisto pri horloĝoj, kiu mendis al la presisto cirkulerojn kaj aliajn simplajn presaĵojn, vizitis la presejon por demandi al la mastro pri presejo en kiu mendi katalogon ilustritan kiel tiun kiun li montris, ĉar li vizitis iujn famajn presejojn kaj oni respondis ne povi ĝin fari; Linera prenis la katalogon, malfermis ĝin kaj ekkriis: «Mi ĝin povas fari.» La surprizo, la mirego de la sviso estis grandega kaj kun skeptika rideto li diris:

—Neeble, ĉu per tiu maŝino?

—Jes, per tiu maŝino, ĉar ĝi faras ĉion kion mi volas. Mi estas preta fari pruvon, iujn paĝojn, kaj se vi ilin ne ŝatus tiam vi estos prava, kaj mi faros la pruvpaĝojn senpage.

—Mi akceptas kaj deziras ke tiu prespruvo konvinkos min.

Post kelkaj tagoj la sviso reveninta al la presejo konvinkiĝis kaj mendis la ilustritan katalogon ekkriante:

—Mirinde, neeble kredi se oni ne vidus. Kion vi farus se vi havus aliajn maŝinojn?

Sed pli mirinda, ol la preslaboroj de tiu genia presisto, kompostisto, maŝinisto, eĉ meĥaniko kaj elpensisto, estas lia eduklaboro: sen kapitalo, nur per siaj gajnoj kaj ŝparante konstante el la monrimedoj necesaj por la vivo, li eldonis kaj eldonadas miliarde rakontetojn kaj *moralajn sentencojn*

por la infanoj, kiujn li mem verkis kaj verkas (cent diversajn tekstojn ĝis nun) kaj disdonis kaj disdonadas malkare en Hispanujo. Liaj rakontoj prezentas al la infanoj realaĵojn de la vivo, forkuras li el feinoj, mirakloj kaj fantaziaĵoj. Krom tio, dum tri jaroj li subtenadis duonmonatan gazeton, fondita de li *Los Quijotes* (La Kiĥotoj) por ke la junaj poetoj kaj verkantoj estu havintaj eksperimentkampon.

Li estas entuziasma esperantisto kaj membro de U. E. A. kaj de Zamenhofa Federacio, kunfondinto de la estinta esperanta gazeto «Homaro» kaj de ĉi tiu gazeto, kiun li ameme presas, sed malgraŭ sia entuziasmo ankoraŭ li ne havis liberan tempon por lerni Esperanton, kaj tamen oni devas lin konsideri grava pioniro nia, ĉar liaj agoj montras lin al la Esperantistaro tiele.

Jen la MORALAJ SENTENCOJ liaj:

Aminda infano:

Mi verkas ĉi tiujn *Sentencojn* por ci, ĉar la maturaj homoj *ne bezonas lerni pli tial ke ili multe scias,* laŭ diras agoj kaj flereco iliaj. Ci, jes, legu, studu por ke vi estu scionta pli ol tiuj.

Jen vi en la lernejo kun ciaj profesoro kaj kamaradoj. Respektu la profesoron, estu milda je ciaj amiketoj. Lernu el tiuj kiuj scias pli ol ci, kaj lernigu tiujn kiuj posedas malpli da scio ol vi. Sed, super ĉio, studu cin mem por ke ci povu cin koni.

De la lernejo ci iros al la instituto, al la laborejo, al la fabriko aŭ al la kamparo. Ĉu ci iras al la instituto, rememoru ĉiam tiujn amiketojn kiujn ci lasis en la lernejo, ĉar eble ili ne havos la sorton povi sin dediĉi studi nur kiel ci. Ĉu ciaj gepatroj kondukas vin al laborejo, al fabriko aŭ al kamparo, ne forlasu la librojn, daŭrigu la stuladon dum la libertempo ebla, ĉar kvankam penîga estos cia metio, des pli estas la vivo kaj ĉiam eĉ estas momento por plori.

Profitu la tempon de cia infaneco, ĉar dum cia infaneco ci estas neresponda kaj ciajn erarojn oni korektos kareseme kaj per konsiloj; kaj kiam estos pasintaj ciaj unuaj jaroj, ci havos novajn dezirojn kaj ci volos esti tiel kiel vi povos atingi se vi estus profitinta la tempon: utila viro.

Oni ekjuĝos serioze ciajn agojn, tiamaniere, ke el ili dependos cia bonfamo kaj persona garantio.

Celu elekti bone el ciaj similuloj tiujn inter kiuj ci vivados, kaj forkuru el tiuj tro flatantaj cin.

Kiam ci eniros en la vivo en kiu oni ne povis atingi ke la vero brilegu, en kiu oni ne scias kiuj havas ĝin, laboru senĉese celante alproksimiĝon al ĝi kiel eble plej.

Prinpensadu kaj agu laŭ cia konscienco. Ne praktiku, ne faru tion kio povos malutili aliulojn ajn, ĉar ci rikoltos malamon, kaj homo sin estimanta tion devas eviti.

Ci deziros vivi libera, ekster regado de familianoj; de tiu momento ci trovos grandajn malfacilaĵojn; sed batalu, laboru obstine kaj ci venkos se ciaj batalo kaj laboro estus noblaj, ĉar de ilia nobleco dependas cian sukceson.

La egoistulo riskas danĝeron: fariĝi sklavo de materiaj bienoj, kiuj nur estas malfeliĉoj kaj moralaj doloroj.

Malmulte taŭgos al ci posedi grandajn bienojn ĉu ci ilin akiris per trompo kaj ruzeco.

Marŝu sen sekvantaro, akompanata nur de amikoj kaj ci estos unu el bonuloj.

Ne havu servistojn.

Celu havi kiel eble plej malmultajn ŝuldojn ĉar vivi sen ili estas eviti la sklavecon.

Studu la manieron vivi kiel eble plej modeste kaj estu konforma satigi ciajn plej sobrajn vivpostulojn; tial kaj tiel ci ne konos kio estas envio.

Vivi sen la favoro de la homoj estas havi liberecon.

Al neniu diru, al neniu, komprenu bone,

nek al ciaj plej bonaj amikoj tion kion konsideras sekreto.

Ciaj agoj faros cin feliĉa aŭ malfeliĉa; sufiĉas nur ke ci ilin konas por ke korĉagreno dolorigos cin ĉu ili estas abomenindaj, aŭ feliĉigos cin ĉu ili estas bonaj.

Amu, respektu kaj defendu ceterajn same kiel cin mem.

Malestimu malĝentilecon kaj amu sincerecon.

Donu ĉion kio supermezuras al ci kaj se ci ne trovus iun prenantan tion, tion forlasu.

La lukso malbonigas tiun kiu ĝin uzas; kaj ofendas la nehavantojn.

Amu malfeliĉulon kaj kompatu la vantulon.

Ne aŭskultu iun parolantan laŭ tono de supereco.

Plenumu ciajn devojn por povi altrudi ciajn rajtojn.

Iru tra la vojo de la boneco kaj abomenu despotismon.

Ĉu ci havos persistecon, ci sukcesos.

Entreprenu nenian laboron aŭ celon kiun antaŭe vi ne estis studinta bone.

Antaŭ komenci laboron ci devas decidi ĝin fini.

Defendu ciajn idealojn konscie kaj firme; sed neniam ci cin metos en la kampo de la perforteco ĉar ĉi tiu estas origino de ĉiaj tiranioj.

Celu ke la frapoj de la vivo ne cin ĉagrenu; elportu ilin pacienceme kaj anstataŭ laciĝo sentu plej grandan deziron firman, plej obstinan memvolon venki.

Konsolu la ĉagrenaton.

Antaŭ neniu humiliĝu.

Malami estatas proprajo de malbonuloj.

Ĝui dum alia suferas estas havi malbonan koron.

Rememoru ke la malforta maljunulo estis iam juna kaj forta; prezentu cian manon al li kaj donu al li el cia pano.

---

## Jiménez Loira! Soriano!

*Iliaj agoj eterne vivos post ili.*

Trapasante ĉiela meteoro
lasas en nigre blua l' atmosfero
postsignon kiu brilas en l' aero
kvazaŭ belega fadenaj' el oro.

Ĉu restas nur post ĝi la rememoro?
ne, ĉar de la ĉiel', ero post ero,
falas sur la suprajon de la Tero
ĝia postsign' kvazaŭ velkinta floro.

Simile la karuloj jam trapasis,
estis postsignoj esperantaj flagoj,
iliajn famojn oni vidis brili...

Sed... ĉu nenion en la Mondo lasis?
Jes! ne malmulte ĉar iliaj agoj
ĉiam, eterne vivos ja post ili!

*Rafael de San Millán*

---



DETALAĴO DE LA URBESTREJO (SEVILLA)

# "Pli da Bagateloj pri l' Arbo"

(1916 - 1918)

La tre esperta esperantisto, nelacigebla, saĝa kaj ankaŭ sperta inĝeniero pri arbaroj, S-ro Ricardo Codorníu, ĵus aperigis novan libron plenan je saĝeco, je amo por ĉiaj estaĵoj, je vera doktrino sekvinda; ĉi tiu libro, «Pli da Bagateloj pri l'Arbo», estas inda sekvulo de aliaj antaŭaj eldonitaĵoj liaj. Mi, kun lia permeso, konigos al gelegantoj de HISPANA ESPERANTISTO la belaĵojn de la libro, ĉar la *bagatelojn* estas tradukindaj al nia kara lingvo tial ke ili elradiigas tutplene *Internan ideon*. Jen unu el la bagateloj:

## LA TAGO DEDIĈATA AL LA BIRDO EN USONO

Oni festas la birdon la 4.an de Majo tial ke je tiu dato naskiĝis la granda amiko de la birdoj Johano Jaime Audubon pri kiu aperigis bonan biografion *American Forestry*, el kiu ni ion diros al niaj gelegantoj tial ke tio estas interesa.

Verŝajne, lia avo havis dudek filojn, kaj eble, devigata de la trudoj de la vivo, kiam la patro de nia heroo estis dekdujara, decidis konsideri lian edukadon finata, vestis lin plene, donis al li bastonon, benis lin kaj sendis lin serĉi ŝancon. La knabo devis esti talenta, ĉar baldaŭ li fariĝis lerta tajloro, sed ŝanĝinte la direkton, dudekjara li estis komercoŝipestro, kvin jarojn poste mastro de ŝipo kaj dek jarojn poste riĉulo. Li havis tri filojn; kaj el ili la malplejaĝa Johano Jaime, naskiĝinta je 1870. La plejaĝa estis franca admiralo kaj volis ke nia heroo fariĝu militisto; sed ĉi tiu, loĝanta en kampodomo, je dudek kilometroj de Filadelfia, kaj apud arbaro estis ravata de tiuj ĉirkaŭaĵoj kaj ne volis ilin forlasi.

Lia ĉarmo estis pasigi horojn kaj horojn studante la kutimojn de la birdoj en proksima groto en kiu ili nestis, kaj li ilin desegnis laŭ iliaj propraj posoj. Kaj tiu groto ankaŭ estis la paradizo de liaj amoj, tial ke en ĝi li faris sian amdeklaracion al Lucia Green, kun kiu li edziĝis poste, kaj kiu kuraĝigis lin kaj efike lin helpis entrepreni kaj fini lian majstran verkon «La Birdoj de Ameriko». Por ĝin verki kaj ilustri, Audubon trairis la novan kontinenton ĉien kaj loĝis en ĝiaj sovaĝaj arbaroj neesploritaj, sin nutrante per la fruktoj trovitaj, vivante kvazaŭ homo primitiva, kun la sola diferenco verki kaj desegni sufiĉe bonege.

Efektive, li estis vera artisto kaj bonega sekcanto. Ankaŭ tre ravis lin la hundoj kaj lia karaktero estis mildega. Oni rakontas, ke fininte pentraĵon reprezentantan birdaron, li eliris el la studejo kaj en ĝi lasis la hundon dormantan, *Cefiro'n;* sed ĉi tiu vekiĝis kaj sin ĵetis en la pentraĵon, detruante ĝin, kaj oni supozas, laŭ oni diras, tial ke la besteto al neniu rakontis la okazintaĵon, ke la hundo sin ĵetis sur la birdojn ĉar ĉi tiuj ŝajnigis vivantajn birdojn, elmontrante tio ĉi ke la hundo pli sin konfidis al sia vido ol al sia flaro. La artisto reveninta komprenis la okazintaĵon kaj ĝi plezurigis lin; li alparolis milde al la hundo: «*Cefiro*, ci ne scias la malbonaĵon faritan de ci» kaj ne apogante la frazon per piedbato, kiel oni kutimas, prenis ree la penikojn kaj refaris la pentraĵon.

Ĉe la Muelejo de l' Arbaro *(Grove Mill)*, kiu estis lia loĝejo, oni konservas zorgeme ĉion kion diras pri la restado en tiu hejmo de la birdohistoriisto, domo tre vizitata de la admirantoj la faman naturiston.

Mi, entuziasma je la arbo kaj la birdo, neniam estis partiano pri apartaj festoj, ĉar mi konvinkiĝis de antaŭ multe da tempo, ke ju pli oni plantas arboj des pli birdoj estos kaj ke tiu, kiu respektas la arbon, respektas la birdon kaj propraĵon de aliulo eĉ sian propran mem, pri kiu ni nur estas *fruktuzantoj* neniam rajtigitaj ĝin trouzi.

La neperfektaj leĝoj homaj povos ne meti limojn al la propraĵoj; sed la natura leĝo same kiel la dia altrudas al ni la devon fari nenion kaŭzontan malbonon al similulo, kaj hakante troege arbojn, faligante arbarojn

kaj malaperigante la birdojn insektmanĝantajn ni malutilas niajn fratojn kaj malplenumas nian devon, kvankan la hakitaj arboj estas niaj kaj kvankam ni mortigas la birdojn en nia terbieno.

Sendube ni rajtas forkurigi kaj mortigi la bestojn danĝerajn kaj malutilantajn nin, sed ni ne rajtas martirigi ilin por nin amuzi. Ĉiu klera homo meditanta ĉi tion, deduktos ĉu li devas sin deteni pri iaj distraĵoj.

Kian juĝon ni povas formi pri landoj, kiujn mi ne citas, en kiuj, barbare oni persekutas la hirundojn, kaj oni faligas iliajn nestojn el la subaĵo de l' tegmentrandoj? Kion meritas estraro toleranta tion kaj kion meritas ĉiuj vidantaj tion fari kaj energie ne korektas la malbonkoruloj sin amuzantaj per tia sporto?

*J. M. R.*

---

# VINTRO!

*Je la memoro de Trinidad Soriano.*

Malvarmo kruela regas.
Tute plumbgriza ĉielo
restigas ĉian estaĵojn
en granda glaciinfero
senbrua, preskaŭ senluma,
ĉar de la suno la helo.
apenaŭ al ni alvenas
trapasanta kun grand' peno
la densan nubaron grizan,
el kiu venas la neĝo
kovranta iom post iom
la supraĵon de la Tero,
kaj baldaŭ transformanta ĝin
kvazaŭ grandega blank' ĉerko;
kaj same, kiel en tiu
de junulin' kuŝas revo
de amanto sindonema
kaptita de senespero,
ankaŭ en ĝi entenata
estas grandega ĉagreno,
eĉ multege pli ankoraŭ:
*Tutplene ĉia sufero!*
Ni iru al la kamparo,
al plej humila dometo;
singardeme alproksimiĝu,
rigardu tra iu fendo
de la pordo: jen famili'
sidanta ĉe la kameno,
en kiu brulas, bruladas,
ŝtipoj kaj branĉoj el kverko,
kies flamoj lumigadas
la ĉambron de tiu hejmo;
rimarku kian malĝojon
esprimas ĉiu mieno;
kiel edzin' kaj infanoj
turnas al familiestro
la siajn okulojn lacajn.
La rigardo estas peto
penetranta en la koron
de la patro, de la ĉefo,
kiu rapide stariĝas
movata de fulma penso
ordonanta lin foriri.
Li aliras al fenestro
rigardadi la kamparon,
sur kiun faladas neĝo.
Rimarku kiel invadas
korpon lian forta tremo,
kian doloron esprimas
de lia vizaĝ' la gesto;
kiel prenas la pafilon
kaj sin ŝirmas per mantelo,
tute preta por eliri.
Kison el ĉiu buŝeto
li ricevas, kaj la edzin',
kun la plej granda kareso,
kun maltrankvilo en koro
kaj ekploranta, al edzo
ŝi sin ĵetas murmurante
parolojn, kaj en brakpremo
dum momentojn ili restas;
sed tutnepra la neceso
kruela disigas ilin!
Ĉu por longa foresto?
Kiu scias! Tre kruela
kaj danĝera la vetero
estas' kaj ĉu li atingos



VESTIBLO DE L' URBESTREJO (SEVILLA)

feliĉon de la reveno
satigonte la infanojn?
Eĉ el pano iu peco
nenio estas por manĝi!
Tie regas mortsilento,
kiun nure interrompas
de infano iu ĝemo,
de la amanta edzino
paroloj de fervor' preĝo,
kaj la konstanta siblado
de la glaciiga vento!
Rigardu tra la kamparo:
Neniu bird' tra l' aero
flugas. tra la blanksuprajo
trairas neniu besto;
rimarku nur la restsignojn
kiujn lasis la piedo
de l' kamparan' foririnta!...
De l' neĝ' terura kruelo!!!

.............................

.............................

Jen, sub tegol' de l' tegmento,
Humila kaj simpatia,
sed malfeliĉa pasero!
Aŭskultu, ĉar al ni venas
kia doloriga pepo,
tiamaniere kvazaŭ
ĝi estus pri sorto plendo.
Ve! Birdeto malfeliĉa!
Ankaŭ mankas al ĝi greno!
Ankaŭ ĝi tro malsatadas!
Kruele mortiga neĝo!!!

.............................

.............................

Aŭskultu, aŭskultu ree!
Ĉu vi ne aŭdas? La bleko
tre malgaja de iu best'
Al mi venas. Jen kompreno:
La best' malfeliĉa blekas
ĉar mankas al ĝi la herbo!
Kiel mortig' estas neĝo!!!

.............................

.............................

La neĝo estas mortiga
ĉar, kiel de l' vintr' malbeno,
alportas grandajn dolorojn;
sed post vintro la printempo
venas kaj ilin ĉesigas.

*Sed kiam en senespero*
*iu kor' ĉiam vivadas,*
*por ĝi estas, dum eterno,*
*kruele mortiga vintro,*
*terura glaciinfero!!!*

J. J. Franco

---

# RIMARKIGO

El ĉie alvenas al ni alvokoj; alvokoj pri komerco, pri helpo al Esperantistoj de Aŭstrio, pri helpo al orfoj de la falintoj dum la ĵus okazinta hombuĉado, pri unuiĝo de katolikoj, pri apliko de Esperanto al diversaj movadoj, k. c., k. c., kaj ĉi tiuj alvokoj, ĝenerale tre longaj, estas akompanataj de ĝentilaj leteroj petantaj publikigon sur HISPANA ESPERANTISTO. Plenĝojon ni sentas ricevinte ilin ĉar ili elpruvas ke Esperanto komencas doni abundajn kaj interesajn fruktojn, ke Esperanto potence vekiĝis kaj rapide eniras en la vojon de ĝenerala praktiko; ĉagrenon ni sentas tial ke la amplekso de la revuo ne permesas komplezi ĉiujn alvokantojn ĉar samtempe aperigi la alvokojn estas neeble kaj prokrasti ilin estas neutile. Tial, se oni sendus al ni malgrandajn (dek liniojn maŝinskribitajn kaj tre klare) alvokojn ni celus komplezi ĉiujn.

---

# Esperanto kaj skoltoj (Boy-Skouts)

Je Oktobro de 1919 fondiĝis en Anglujo la Skolta Esperantista Ligo, kies gravecon por Esperanta propagando oni povas kompreni sciante ke ĝiaj ĉefaj celoj estas:

I.—Disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto.

II.—Disvastigi Esperanton inter skoltoj ĉiulandaj.

III.—Krei skoltan literaturon Esperante.

IV.—Eldoni internacian skoltan gazeton.

V.—Solidarigi la senton de frateco, kiu

estas komuna al ambaŭ movadoj (skolta kaj esperanta) inter la junuloj diversnaciaj.

La Skoltoj estas Institucio disvastigita ĉe la mondo; en Hispanujo estas pli ol 30.000 la knaboj apartenantaj al ĝi. Se ili lernus Esperanton, ili povus facile interkorespondadi, interŝanĝi poŝtmarkojn, poŝtkartojn kaj ĉiajn kolektindaĵojn, tre ŝatataj de la junuloj; kaj ĉio ĉi tio estas povega ilo por atingi pli ol amikojn, fratojn en ĉiuj nacioj kaj tiel sukcesigi la idealon de la Institucio ĉar ili, la esperantistaj skoltoj formos la veran PACARMEON.

Dank' al Esperanto la junuloj interesiĝos pri geografio, historio, arto, moroj, k. c. de ceteraj landoj, akironte tiel gravajn ĝeneralajn konojn, kaj iom post iom trafos la sintezon de l' skolta Institucio: «Skolto estas amiko al ĉiuj kaj konsideras ĉiujn Skoltojn fratoj.»

Mi rekomendas al ĉiuj Esperantistoj enamikiĝi kun la Skoltoj kaj interesigi ĉi tiujn por Esperanto.

Skoltoj parolantaj jam la lingvon de Zamenhof povos sin turni al ĉiuj Esperantistoj certaj trovi kunhelpon kaj pere de Skolta Esperanta Ligo, ili trovos interkorespondantojn pri skoltaj aferoj kaj pri ĉiaj aferoj en ĉiuj landoj. Por tio sufiĉas sin turni al la jena adreso: Miguel Ribas de Pina - Komandanto de la 10.ª Regimento de Artilerio. Huesca.

---

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro *Julio Mangada Rosenörn* JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn posŝtĝire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

# Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj

*Por ke Iberia Esperantista Kunfederacio decidu la starigon de internacia konvencio kapabla kaj kun povo oficialigi esperanton en la komercaj kaj sociaj rilatoj (scientifikaj internaciaj kunvenoj). Barcelono, de la 25.ª ĝis la 30.ª de Junio 1920.*

Por la unua fojo en la Historio de la Iberiaj Landoj oni vidos harde labori homojn reprezentantaj altegajn sentojn, gviditaj de la deziro montri al la mondo lumajn vojojn en la nuntempa historio.

Faktoj de nekonata atingo proklamas la superegecon de l' intelekto kaj la racio, la persistantan klopodadon kaj la profundan avidecon, kiuj ilin skuas, kiel ankaŭ la atingitajn triumfojn. La spiriteco kaj la meĥaniko zorgis pri la forigo de la materialaj landlimoj. Estas plena la submeto de la fortoj de la Naturo je la homa volo, krom tio difinita de la Dieco. Vorto aŭ reprezenta signo iras de unu Kontinento al alia dum mallonĝa intertempo.

Sed restas ankoraŭ je la malbono de ĉiuj, altegaj muroj, rilate al la spirita aktiveco. Tiaj estas la diferencoj de esprimo de egalaj voloj, sentoj kaj deziroj, kiuj reliefiĝas en senfineco de nuancoj kaj reflektas la multnombrecon de ekzistantaj parolmanieroj.

LA DETRUO DE UNU ERARO.—Ni ne venas determini la ekzistadon de unu nura lingvo por ĉiuj popoloj de la tero, kio estus malsaniga kaj ĝena. Kontraŭe, la plej granda respekto floras ĉe ni. Ni nur volas, ke kune kun la naturaj lingvoj, ekzistu unu helpa sendependa de ĉiu superrego, servante kiel interligilo.

BARCELONO MERITAS KAJ RICEVOS LA HONORON.—La grafa urbo, kiu ĉiam sentis la korbatojn de la universala animo, estas la loko elektita por realigi la idealon kolekti en Kunvenegon Diskutan la esper-

antistojn de Iberiaj Landoj, kaj debati en kunsidoj, solenoj kaj paroladoj, la problemojn rilatantajn la internaciigon de unu lingvo.

Estis en la granda urbo, kie Kolumbo, reveninte de la senmorta vojaĝo, proklamis la unuecon de la tero. El Barcelono povas eliri proklamita la spirita unueco, kaj sentigi al la cetero de la mondo la povon, kiu estas entenata en la idealo kaj en la faro internaciigi neŭtralan idiomon, respektante plene la reĝecon de tiuj, kiuj hodiaŭ ekzistas.

NI PETAS MALGRANDAN MATERIALAN KUNHELPON, KAJ LA MORALAN JE PLENECO.—En solenaj kunsidoj, prezidantoj kaj delegitoj de la Barcelonaj grupoj esperantistaj, aprobis la ĝeneralajn liniojn de la projekto kaj konfidis al «FAJRO» disvolvi ĝin. La graveco de la farota tasko sin altrudis al ni. Tiu Kunvenego determinos la aldirekton de la okuloj de miloj da personoj, kiuj ĉie sentas ankaŭ la grandiozecon de la problemo. Por la unua fojo samtempe Iberio povas aperi rilate al firma homaraneco. kiel granda forto.

Plene kapabligitaj je tio, ni permesas al ni peti vian aliĝon pagante kotizaĵon, kvankan tiu-ĉi estu modesta kaj nur atingu pagi la konstantan sendadon de dokumentoj, kiun ni bezonos fari.

Je la nomo de la organizaj elementoj: **F. Gorgues Torredeflot,** *Delegito en Barcelono de la Universala Esperanta Asocio.* **Rómulo Rocamora,** *Advokato, Supera Instruisto kaj Publicisto Eks-Prezidanto de la Kataluna Esperantista Federacio.*

### KOMPLEMENTAJ DETALOJ

Dato de la okazigo. De la 25.ª ĝis la 30.ª de Junio de 1920.

FAKOJ:

1.ª Esperantistoj de Iberiaj Landoj (kaj alilanduloj, kiuj volos aliĝi). En tiu ĉi fako la diskutoj estos nur en Esperanto, estante absolute malpermesata la uzado de alia lingvo.

2.ª Aliĝintoj.—Advokatoj, kuracistoj, inĝenieroj, arĥitektoj kaj personoj, kiuj volos fari paroladojn doni detalojn sciigojn, k. t. p. pri la alpreno de komuna lingvo, internacia kaj neŭtrala, en Kongresoj, Diskutaj Kolektiĝoj, k. c. de la sociaj statoj al kiuj ili apartenas.

LOKOJ.—Oni difinos ilin ĝustatempe, estante preferotaj, por la diskutadoj, la Societoj kaj Korporacioj kulturaj kaj komercaj.

KARAKTERO DE LA KUNSIDOJ.—Publika, sed la preferaj lokoj estos rezervitaj por la Kunvenintoj.

KARAKTERO DE LA KUNVENO. - Ekskluzive diskuta.

KOSTO DE LA KARTO DE KUNVENO.—Esperantistoj, 2 sm., 5 ptoj. Individuaj personoj, 4 sm., 10 ptoj. Korporaciaj membroj, 6 sm., 15 ptoj.

Petu aliĝilon al la grupo «Fajro».—St. Dr. Robert, 11. Sarriá-Barcelona.

---

# TRA LA GAZETARO

*Esperanto* de U. E. A.—Januaro. Novjaraj Pensoj, de H. Hodler, estas tre interesa kaj leginda; esperantaj tradukoj el anglaj verkej de Oscar Wilde «Pli-malpli seriozaj sentencoj» kaj «La Bonfarinto» (Proza poemo) kun aliaj legindaĵoj, estas la teksto.

Februaro. «La Rezultatoj de la Internacia Laborkonferenco» estas la tre interesa ĉefartikolo; «Armenio», kortuŝanta alvoko de anglaj samideanoj por helpi la infanoj de Centra-Eŭropo, «La Spirito de la lernantoj», «Pri birda, planta kaj homa flugo», rakonto el armena literaturo, italaj versaĵoj esperantigitaj de A. Grabowski k. c. estas la teksto de nia ŝatata organo de U. E. A.

*Le Travailleur Esperantiste.*—Januaro kaj Februaro. France-Esperante. Ambaŭ numeroj estas plenaj je intesaj artikoloj ĉefe «L' Esperanto et la Ligue des Nations» (Januaro). «L' Esperanto en Russie et en Siberie» (Februaro), estas interesa raporto de Majoro Karlo Neumann pri utilo de nia

lingvo dum li estis kaptito, pri sperto de li atingita kaj pri profito de Esperanto.

*La Eklezia Revuo.*—Februaro. Tute esperante, aperigas du rimarkindaj muzikajoj kun esperantaj tekstoj verse.

*Nova Tempo* (daŭrigo de German-Austria Esperantisto). Germane-esperante. Januaro. Interesaj estas ĝiaj artikoloj «Pri sanigeblo de kankromalsanuloj» kaj «Liberaera hospitalo sur la tegmento de la kliniko por infanaj malsanoj.»

*Le Chrétien libre.*—Monata organo pri spirita, socia kaj internacia rekonstruado. France-esperante.

*La Progreso.*—Ĉeĥoslovaka organo esperantista, monata, boheme-esp. El ĝia teksto estas rimarkindegaj eltirajoj de libro verkita de nia samideano F. J. Havelka, ĵus aperinta boheme; priskribas li siajn dummilitajn travivajojn taglibroforme, martiran vivon de multaj diversnaciaj inteligentuloj kaj humiluloj, kaj kies legado instigas kaj ekscitas esperantistojn al tre aktiva esperantlaboro ĉar nur per interkompreno la homoj malaperigos tiajn abomenindajojn.

*La Esperantisto.*—Januaro kaj Februaro. Organo de Esperanta Universitato Popola. Monata. Dediĉita al la interna ideo de l' Esperantismo. Kiel oni povas kompreni la enhavo de ĉi tiu gazeto estas leginda. (Wien II-1, Postamt 34.)

*The British Esperantist.*—Januaro kaj Februaro. Aperigas rakontojn el la Biblio, tradukitaj de nia Majstro, «La Dormanta'n Belulino'n», bela teatrajeto por infanoj en tri aktoj.

*Esperanta Finnlando*, tute en Esperanto, ilustrita.—Januaro kaj Februaro. Tre bela kaj interesa monata gazeto. La Februara n-ro estas dediĉita al la finna epopeo *Kalevala*, aperigante tradukajojn kaj ilustrajojn el ĝi. (Uudenmaank, 10-Helsinki.)

*Svisa-Espero.*—Januaro-Februaro, reaperas en la mondo de la esperanta gazetaro.

*O Socialista* (Lisboa) kun esperanta fako.

*Monata Bulleno de Aplec Esperanta Grupo, Sabadell* (Barcelona), str. Mendizábal, 3. Januaro kaj Februaro. Katalune-esperante. Ĉi tiu bulteno eldonita de sola grupo elpruvas la entuziasmon kaj efikan laboron de la Esperantistoj de Sabadell; ĉiam ili predikas per ekzemplo kaj ilia devizo ŝajnas esti «Voli estas povi», kaj tiel li estas indaj je laŭdo.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

*Barcelona.*—La unua listo de aliĝintoj al la Unua Kongreso de Iberiaj Esperantistoj, okazonta je Junio proksima estas gravega pro la persona kaj profesia rango de l' aliĝintoj: medicinaj kaj farmaciaj doktoroj, advokatoj, licenciatoj, industriistoj kaj komercistoj. La Kongreso certe estos sukcesa ĉar la Komitato fervore kaj seniace laboradas. La sukceso estos grandega. Aliĝu samideanoj!

Grupo «Nova Sento».—La mondo ekeniras en la vojon kondukantan al plej homama sento: lingvo internacia.

Lastaj mondokazintajoj kaj ankaŭ nunaj sociaj luktoj estas al ni multvalora trafita helpo.

Ĉio ĉi tio spirite alkondukis je niaj malfermoj de kursoj ĵusokazintaj tiel grandan nombron da esperantamantoj, ke ni eĉ interkonsentis proponi al tujokazonta ĝenerala grupkunveno, la aliformiĝon je societo, de nia antaŭ kvar jaroj sepmembra grupo «Nova Sento».

La grava nombro da 70 anoj sufiĉas por ke esperantistaro estu vere dankema al tiuj sep anonimaj herooj ankoraŭ tiel brave defendantaj la Sanktan Celon: *Disvastigo de Esperanto.*

Jenaj klarigoj konstatas la ankoraŭ eblan plinombriĝon de «Nova Sento».

Elementala kurso: 40 lernantoj.

Praktika kurso: 25 lernantoj.

Kurso speciala por infaninoj 10-12 jaraj: 10.

Ĉe ĉiu klaso la entuziasmo kaj lernemo multobliĝas ĉu per kartoj ricevitaj, al ili atente montrataj, ĉu per ekskursoj kaj inteŕanaj konkursoj de kartoj kaj gazetoj ricevitaj.

Tamen ni ŝparis nenion por intense propagandi la novajn kursojn, ĉar krom la grandaj afiŝoj anoncantaj ilin kaj propagandiloj muralgluebläj diversspecaj, ni ankaŭ anoncis ilin sur la blanka tolo de plej grava kinematografejo enhavanta cirkaŭ 5.000 personoj, metodo efike rezultanta ĉar ĉiufoje multnombriĝas la legantoj.

Batalantoj Esperantamantoj, imitu! — *Jako*

*Sevilla.*—Dum deksep tagoj estis gastoj de nia urbo gesroj Kyftembelt kaj ilia belega filino Cécile, holandaj gesamideanoj venintaj el Hindujo al nia lando por admiri la ĉarmon ĝian kaj samtempe propagandi por la XII.ª. Ili vizitis ĉiajn artaĵojn kaj seviljaj samideanoj akompanis kaj helpis ilin.

Malfeliĉe S-ino Kyftembelt kaj la ĉarma Cécile je la 2.ª tago de sia alveno malsaniĝis pro gripo. Asistis ilin nia samideano S-ro Joaquín Machuca, D. de U. E. A., kiu atingis resanigi tuj F-inon Kyftembelt kaj post kelke da tempo la patrinon grave vundita de bronkoneŭmonio. Ankaŭ poste malsaniĝis S-ro Kyftembelt; sed ĉiuj, jam sanaj, je la 15.ª forlasis Sevilla'n vojaĝinte al Madrido. La samideanaro ilin adiaŭis en la stacidomo.

La 7.an kunsidis la Grupo kaj S-ro Machuca legis kondolencajn leterojn de diversaj Grupoj kaj Federacioj (Madrido, Valencia, Barcelona, Kordoba, k. c.).

La prezidanto S-ro Iznardo bonvenis Ges-rojn Kyftembelt vizitontajn la sidejon, S-ro Kyftembelt dankas la korsalutojn kaj parolas por la XII.ª kuraĝigante la Grupon nomi samideanon reprezentontan por la Kongreso. Oni decidis fari ĉion eblan por efektivigi la proponon de S-ro Kyftembelt.

Oni decidis, kiel pasintaj jaroj, starigi esperantan budeton en la foirejo kaj doni al la publikaj lernejoj kvardek enirbiletojn por la plej studemaj geinfanoj.

Fine, S-ro Kyftemdelt fotografis la kunvenantojn.

La Grupo povos liveri al Esp. kaj Esp. Societoj po 7 pesetoj centon da broŝuretoj «Todo el Esp. y el modo de aprenderlo leyendo una pequeña historia.» Specimeno 10 centimojn.

La Andaluzia Federacio decidis okazigi la IV.an Kongreson en Sevilla je la 18.ª de Aprilo proksima, en la Reĝa Ekonomia Societo de Amikoj de la Lando, kaj petegas al ĉiuj federacianoj ĉeeston. La estraro invitas vin tutkore.

Ankaŭ la Federacio aprobis ke la kotizaĵojn por 1920. Oni sendu al la sekretario S-ro Carlos Martínez (Estación Plaza de Armas—Sevilla). La jarkotizaĵo estas *unu* peseto. —*J. Machuca.*

*Villanueva de las Minas (Sevilla).*—Ĉi tie Esperanto promesas sukceson. S-ro Marmol malfermis kurson multenombre ĉeestata kun entuziasmo.

*Tarrasa.*—Oni fervore laboradas por gastigi geinfanojn el Centra Eŭropo, kaj la laboro de ĉi tieaj Esperantistoj promesas bonan sukceson.

*Zaragoza.* - Grandan sukceson promesas la laboron de la grupo «Frateco» pri restigado dum somero de striaj infanoj en Zaragozo certe pliol 200 geinfanojn oni gastigos.

*Huesca.*—Ĉi tie laboradas ankaŭ por la infanoj stiriaj kaj hungaraj la ĉi tieaj esperantistoj kaj oni celas interesi la episkopon. Baldaŭ en Huesca estos ankaŭ Klubo Esp.

*Vich.*—La samideanoj de ĉi tiu urbo laboras poz sukcesi gastigi infanojn de Austrio kaj Hungarujo.

## EKSTERLANDA

*Nederlando. Hago.*—La Komitato por la XII.ª senlace laboradas por la plej bona sukceso de nia Kongreso. La tasko de enlo-

ĝiga komisiono ankoraŭ ne finiĝis, tamen provizore la minimumaj prezoj verŝajne estos: Transnoktado kun matenmanĝo 3 florenoj, tagmanĝo 2 fl. kaj vespermanĝo 3 fl., tial 8 fl. po tago kaj persono. La Komisiono certe atingos aranĝi komunajn tag-vespermanĝojn.

La Komitato jam ricevis 301'65 florenojn kiel donacon kaj dezirinde estas ke samideanoj povantaj donacu laŭpove kiel eble plej baldaŭ.

La Komisiono por distraĵoj ellaboris la jenan programon, kies realigo okazos laŭ libera tempo permesota de Kongreslaboroj kaj kunvenoj:

1.e Ekskurso per vaporboato de Leiden al la fama «Kagermeer» (lago).

2.e Muzikvespero en la «Kurhaus» (ĉe la marbordo).

3.e Promenado tra la Haga Arbaro kaj vizito al la «Huis ten Bosch» (Palaco de la Arbaro).

4.e Vizito al la Pacpalaco, sekvota de veturado tra Hago per ornamitaj tramveturiloj.

5.e Koncerto en la Haga Arbaro.

6.e Balo en naciaj kostumoj.

---

Estas necese ke la Esperantistoj hispanaj alkuru al la Komitato de la XII.ª kiel eble plej baldaŭ per mondonacoj kvankam malgrandaj, ĉar ni devas konscii ke la XII.ª estos la firmapaŝo en la triumfon, kaj ke «maro estas gutaro»; do, verŝu vian guton (florenon-peseton) almenaŭ en la kaskongreson tiuj kiuj ne povas aliĝi kiel Kongresanoj, kaj aliĝu la feliĉaj monhavantoj. Por ĉeesti la Kongreson ne estas necese multe da mono.

Jam aliĝis 63 personoj el 10 landoj, kaj nur unu el Hispanujo.

*Finnlando.*—Ĵus aperis du gravaj verkoj (tradukaĵoj) *La Botistoj* kaj *Batalo pri la domo Heiskila.* En la ĉefurba universitato estas instruata Esperanto, kie funkcias speciala Esp.-Instituto. En la kamparo multaloke estas kursoj.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanujo).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Sidonio Pintado, en Baltanas (Provinco Palencia). Hispanujo. Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava ĵurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

---

Juan Calahorra. Strato Balenchana, 3, kvastado (Prosperidad), Madrid (Hispanujo).—Korespondados pri muziko.

---

Adolfo Oberrotman. Varsovio, strato kzak Przedm, 10 (Polujo).—Deziras reprezenti eksterlandajn firmojn por Polujo, Litonio kaj Galicio, pri ĉiuj specaj komercajn informojn pri ĉiuj komerclokoj polaj. Filatelistoj devos sin turdial mi!

---

Gerardo Fernández Pérez.—Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

---



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid